# Konstru-Forumo 28

majo 2011

Jan Werner, Dřínová 18, CZ-61200 BRNO; retadreso: wernerjan@seznam.cz

## Enkonduke al la 28-a numero

La reagoj pri la taskoj (temoj) publicitaj en KF 27 estas nemultaj, sole Fabien van Mook kaj Bronislav Ĉupin komunukis siajn opiniojn, krome la fidela leganto Claude Longue Épée kaj la revizianto de EBV (Duden) J. Horváth. Dankon al ĉiuj kvar! Sed la nekompleteco de voĉoj malfaciligas juĝi la lanĉitajn terminologiajn problemojn. Ankaŭ ne eblas decidi, kion rekomendi al J. Horváth el la tri versioj de proponoj (Eichholz, Horváth, Werner) koncerne al la reviziata kaj eldonota Esperanta Bild-Vortaro (en FEL).

Nun mi revenas al KF 24, kie en la enkondukaj vortoj mi deklaris, ke mi „gvidos“ nian Konstru-Forumon maksimume ĝis la fino de la jaro 2012. Maksimume! Samloke mi instigis vin prikonsideri novan kunordiganton de nia (ĉefa) tasko „solvi termin-vakaĵojn“. Provizore neniu el vi aliĝis.

Mi nun rekonsideris la esprimon „maksimume“ ĝis la jarfino 2012 kaj pro miaj kromaj taskoj, por kiuj ne sufiĉas mia libera tempo, mi decidiĝis fini la ĝisnunan gvidadon kaj dokumentadon de nia agado en la „leteroj“ titolitaj Konstru-Forumo jam fine de la kuranta jaro 2011. Bonvolu serioze pripensi la situacion. Kio sekvos? Jen la variantoj:

a) Neniu anstataŭos min, KF ĉesos ekzisti.
b) Iu el vi transprenos mian funkcion, KF daŭrigos la ĝisnunan agadon.
c) Ni daŭrigos nian agadon limigite sen centra kunordigado, okazados nur reciprokaj konsultaj kontaktoj; iniciatinto de ĉiu solvota temo mem klopodos trovi komunan solvon.
d) Ĉiu libera laŭokaza temo, veninta al certa rezulta solvo, kolektiĝos ĉe unu KF-ano, kiu ĉiujare prezentos la sumon de rezultaj kontribuoj en la formo de „kolekto“ al la membroj de la kunlabora kolektivo (KF) – ĉu rete, ĉu paperforme (se TAKE helpos).

La afero de mi tiel prezentata premisas aperigon de miaj KF: n-ro 29 en julio 2011, n-ro 30 en septembro 2011, n-ro 31 en novembro 2011. Pri event. n-ro 32 en januaro 2012 mi decidos jarfine. Via tasko estas esprimi vin pri la skizita solveblo kaj sorto de KF kiel eble frue, laŭeble antaŭ la fino de junio 2011.

## Kontaktoj

**S-ino Wera Blanke** atentigis min pri kelkaj malĝustaj gramatikaj finaĵoj en la germanaj terminoj, per kiuj estas prezentitaj la temoj de EBV Duden (laŭ ŝi: pro damne nelogika „sekseco“ de objektoj en la germana lingvo). Ŝi atentigis pri la neŭtra *das Brett* (*gesäumtes*, *ungesäumtes*), la maskla *der Stuhl* (*stehender/liegender Pfettendachstuhl*) kaj la neŭtra *das Werk* (*doppeltes Hängewerk*). Mi kontrolis la publicitajn EBV-temojn kaj nun prezentas la trovitajn erarojn, bonvolu ilin korekti en via komputilo, aŭ elpeti de mi la ripetan sendon de la koncernaj KF-numeroj. Bedaŭrinde mi fidis kaj kopiis fuŝitan konstru-fragmenton de la germana Duden, kiun ĉeĥa eldonisto publikigis en konstrufaka traduka vortaro. Al W. Blanke mi dankas. EBV 271/41 (KF 23, p.144): *gestapeltes Schalholz* – (*das Holz*).

- EBV 271/46 (KF 23, p.144): *aushängbares Tor* – (*das Tor*).
- EBV 272/56 (KF 24, p.156): *eingeschnittener Boden* – (*der Boden*).
- EBV 272/74 (KF 24, p.156; KF 25, p.165; KF 26, p.178): *geschraubtes Rahmenholz* – (*das Holz*).
- EBV 272/78 (KF 24, p.157): *verstellbarer Schalungsträger* – (*der Träger*).
- EBV 273/19 (KF 25, p.168): *aufgebockter Balken* – (*der Balken*).
- EBV 273/23 (KF 25, p.168; KF 26, p.182; KF 27, p.192): *angerissenes Dübelloch* – (*das Loch*).
- EBV 273/59 (KF 25, p.170): *ausgemauertes Fach* – (*das Fach*).
- EBV 273/94, 95 (KF 25, p.171; KF 27, p.193): *gesäumtes/ungesäumtes Brett* – (*das Brett*).
- EBV 274/37 (KF 26, p.186; KF 27, p.194): *stehender Kehlbalkendachstuhl*) – (*der Dachstuhl*).
- EBV 274/42, 46 (KF 26, p.187; KF 27, p.195): *stehender Pfettendachstuhl* – (*der Dachstuhl*).
- EBV 274/52 (KF 26, p.187; KF 27, p.195): *zweifach liegender Pfettendachstuhl* – (*der Dachstuhl*).
- EBV 274/65 (KF 26, p.187; KF 27, p.196): *doppeltes Hängewerk* – (*das Werk*).
- EBV 274/84 (KF 26, p.188): *einfacher Zapfen* – (*der Zapfen*).
- EBV 274/86, 87, 88) (KF 26, p.188): *gerades Blatt/Hakenblatt*; *schräges Hakenblatt* – (*das Blatt*).
- EBV 274/90, 91 (KF 26, p.188; KF 27, p.197): *einfacher/doppelter Versatz* – (*der Versatz*).

**Zlatko Hinšt** rete sendis al ni *Terminaran Kurieron* 141 el aprilo 2011, periodaĵon de IFEF – pri ties enhavo legu mian kontribuon tuj sekve sur la paĝo 200. La Kurieron mi sendos al ĉiuj KF-anoj. (WE)

## Kontribuo al diskuto en *Terminara Kuriero* de IFEF (Rim.: Nur okaza informo.)

La kolego Z. Hinšt, leganto de nia KF, sendis al ni la periodaĵon *Terminara Kuriero*, n-ron 141 el aprilo 2011. Ĝi estas komunikilo de Terminara Sekcio en Faka Komisiono de IFEF (fervojistoj). La bultenon redaktas d-ro Heinz Hoffmann (DE). En la bulteno estas traktataj kelkaj fervojistaj terminoj, kiuj kaptis mian atenton kaj mi nun komentos ilin, aplikante mian terminologian praktikon. Antaŭ jaroj mi ja kunlaboris (en IFEF) ankaŭ pri la fervojista terminaro. La *Terminaran Kurieron 141* mi sendos al vi aparte.

**03527 Veturvojo lokita sur pilieroj kaj ebliganta senĝenan ternivelan kvertrafikon** (sub la ponto). Laŭ H. Hoffmann la ĝisnuna termino „kontinuponto palisara“ estas stranga, pro palisaro eĉ malĝusta. Proponataj estas tri novaj versioj: 1 – veturvojo ponteca, 2 – veturvojo kontiunue ponteca, 3 – veturvojo piliera. **Rim. de WE**: Neniu el la proponoj min kontentigas. 1 – Kial ponteca, la sufikso -ec estas superflua, la veturvojo ja estas sur ponto, sufiĉas do **ponta** aŭ **surponta veturvojo**. 2 – La adverbo „kontinue“ estas miskompreniga. Kio estas kontinua? Ĉu la ponto (sed de kie kaj kien)? Ĉu la veturvojo? Ĉu veturado sur la ponto aŭ sub la ponto? 3 – Ne piliera, sed **surpiliera veturvojo**. – Resume: La bulteno prezentas nacilingvajn ekvivalentojn, pluraj el ili aplikas internacian formon „estakada“ aŭ „estacade“, ekz: la dana, franca, itala, pola, rumana, serba. Mi aldonas, ke ankaŭ rusoj, ĉeĥoj kaj slovakoj uzas la terminon „estakada“. Kial do la intermnacia Esperanto evitas tiun formon? Koncize kaj klare ni esprimu la nocion per **estakado**!

**00198 Por trajno enveturanta stacion la unua alveturata trakforko**. Proponoj: 1 – trakforko envetura, 2 – trakforko laŭpinte envetura, 3 – trakforko unue envetura. **Rim. de WE**: Temas pri envetura trakforko, la adverbo „laŭpinte“ ne estas necesa, ĝi duobligas la informon. Se en la stacio estas pliaj enveturaj trakforkoj kaj estas bezone diri, ke la trakforko estas la unua el la aro, do oni nomu ĝin unua envetura trakforko.

**00231** Analogie laŭ la lasta kazo: lasta elvetura trakforko.

**04256 Trako en certa situo (loko) karakteriza per diferenca laŭlonga klineco de la dekstra kaj maldekstra reloj**. Proponoj: 1 – tordsituo de trako, 2 – tordaĵo de trako. **Rim. de WE**: Mi ne konsentas pri la konstato de H. Hoffmann, ke la ĝisnuna termino „ebentordiĝo de trako“ ne ĝustas, ĉar la nocio koncernas la rezulton de tordiĝo, kiu likvidis la ebenecon. Oni komprenu, ke la ĝisnuna termino ne deklaras, ke la ebeno estas tordita, sed ke la ebeno de trako **iĝis torda**. La termino estas ĝusta. Koncerne la novajn proponojn: 1 – Ne la „situo“ estas tordita, sed la trako, la ĉefelemento „situo“ tie estas tute neadekvata. 2 – Kio estas la tordaĵo? Tordaĵo ja estas mem la trako, do la esprimo estas neracia, konfuziga. Se oni volas esprimi la proprecon, oni diru **tordeco de trako**. La samon ni povas esprimi per la versioj: **tordita trako** aŭ tordotrako. Se oni volas esprimi statŝanĝon (kiel difekton), la ĝusta esprimo estas **tordiĝo de trako**.

**Resuma noto**: Estas grave konscii, ke ĉe la epitetaj vortgrupoj en Esperanto estas la regula vortordo tia ĉi: adjektivo unualoke kaj substantivo dualoke. En ĉiuj diskutataj terminoj estas tiu ĉi regulo malrespektata. La ĝusta vortodo estas: **surponta veturvojo** (ne male!), **unua envetura trakforko** (ne male!).

Pri la vortordo traktas Plena Analiza Gramatiko de Esperanto en § 272-274. Tie oni povas legi: „Epitetojn kutime oni metas antaŭe.“ Se apud substantivo estas pliaj epitetoj, ankaŭ ilia sinsekvo devas respekti certan regulon. Pluradjektiva epiteto per la sinsekvo esprimas nocian hierarkion, ĉiu anticipanta adjektivo estas motivita per genra distinga karakterizaĵo. Ŝanĝo en la sinsekvo de adjektivoj ŝanĝus ankaŭ la pozicion de nocio en la sistemo. Ekzemplo: «pluretaĝa administra domo» estas speco de administra konstruaĵo, sed «administra pluretaĝa domo» estas speco de pluretaĝa konstruaĵo. (Reago de d-ro H. Hoffmann venonte.)

## Terminaro de betono kaj de betonistaj laboroj

La terminaron ellaboris J. Werner kaj diskute pritraktis en la kolektivo KF, kelkdek ekzemplerojn eldonis la aŭtoro en la jaro 2002. Aŭtune 2010 mendis kelkajn ekzemplerojn FEL (Flandra Esperanto-Ligo) kaj ĉi-jare la lastajn tri ekzemplerojn aĉetis la Libroservo de UEA.

La stato elvokas la ideon okupiĝi pri la revizio de la verko kaj prepari novan eldonon. Mi supozas, ke la plejparto de KF-anoj la terminaron posedas. Mi do invitas vin relegi la terminaron kaj informi min pri viaj reviziaj kaj kompletigaj rekomendoj kaj korektoj. Bonvolu tion fari ĝis la 30-a de septembro 2011. Poste dum la aŭtunaj monatoj ni komune pritraktos ĉiujn viajn rekomendojn kaj en la sekvonta jaro 2012 mi la terminaron eldonus denove.

Mi notas, ke mi jam registris kelkajn preserarojn en la germanaj ekvivalentoj: 7.2 – 38 – 108 – 113.2 kaj en la titolo de la sekcio D. Mi esperas, ke la taskon kontribuos ĉiuj KF-anoj, ankaŭ vi, kiuj en la praktiko ne okupiĝis pri betono. La verko ja estas afero ne nur konstrufaka, sed ankaŭ terminologia kaj organiza, poligrafia. Esprimu vin ankaŭ pri la formato, ĉu teni A4 aŭ ni provu la enhavon aranĝi sur la formato A5.

**Ladistaj produktoj en domkonstruado** – en KF 27, paĝo 190 – en la dua antaŭsignita alineo mi sen plena pripenso rifuzis la obĵeton de J. Horváth pri „grundplano de defluigata tegmento“. Mi ŝanĝis mian

opinion kaj akceptas la starpunkton de J. Horváth: Ne la tegmento, sed la pluvakvo estas defluigata, en la teksto devas esti „senakvigata tegmento“. Mi pardonpetas. (WE)

## Ni solvas termin-vakaĵojn

**La temo 31 – bazaj terminoj en** konstrufaka **varmteĥniko** startis en KF 22, p. 130.Tie estas menciitaj la diferencaj opinioj de Fabien van Mook kaj Jan Werner pri la formoj, ĉu varmokondukteco, varmorezisteco, ĉu varmokonduktivo kaj varmorezistivo. La lastaj koncizaj informoj pri la temo estis en KF 26 kaj 27. Nun mi la temon provizas per iom malnova pritrakto flanke de Rüdiger Eichholz el Kanado, iama direktoro de Terminologia Centro de ISAE.

Serĉante ion en la Slipara Vortaro de Eichholz, mi trovis tri slipojn, kiuj traktas kapablon de materialoj kondukti energiojn, inkluzive de la termika. Ĉar la temo 31 enkondukiĝis ĉefe pro nekongruo de opinioj pri la supre indikitaj fizikaj grandoj inter Fabien kaj mi, ĉar nek la unua nek la dua ĝis nun ŝanĝis sian starpunkton, mi citos la difinojn donitajn de Eichholz. Ankoraŭ mi notas, ke la Slipara Vortaro (SV) aperadis poparte dum pluraj jaroj ekde 1968. R. Eichholz en la „Antaŭvorto“ al SV el 1968-10-10 skribis: „Kompilante la tradukojn por Esperanta Bildvortaro kaj preparante por eldono la Teknikan Vortaron (de-eo) de R. Haferkorn, mi spertis: 1. Sen precizaj kaj klaraj difinoj por ĉiuj bezonataj terminoj ne eblas fari kontentigajn tradukojn, 2. Multaj difinoj en Plena Vortaro kaj eĉ en Plena Ilustrita Vortaro ne taŭgis kiel bazo por traduki la germanan originalon Duden…“ Ni do sekvu la proponojn por niaj diskutataj nocioj:

**kondukt|iv/o** – la kapablo por kondukti akustikan, elektran aŭ termikan energion; = konduktopovo; la malo de rezistivo. Kp: → (elektra) konduktiveco; termika konduktiveco; akustika konduktiveco; superkonduktivo. (en) *conductivity*; (de) *Leitfähigkeit f*; (fr) *conductivité f.*

**(elektra) kondukt|iv|ec/o** – fizika grando indikanta la konduktivon de diversaj materialoj; simb.: κ [kapa]; = inverso de rezistiveco. {= specifa konduktanco}. – (Sekvas difina ekvacio kaj eksplikoj de simboloj.) (en) *(electric) conductivity*, *specific conductance*; (de) *spezifische Leitfähigkeit f*; (fr) *conductivité f.*

**super|kondukt|iv/o** – la praktike senfine granda elektra konduktivo de iuj metaloj en la proksimo de la nulpunkto de la absoluta temperaturskalo. (…) **Rim**.: La PIV-termino „superkonduktiveco“ ne ŝajnas trafa, ĉar konduktivo kaj superkonduktivo estas fizikaj fenomenoj, konduktiveco kontraŭe estas fizika grando, karakteriza eco de diversaj materialoj. (en) *superconductivity*; (de) *Supraleitung f*, *Überleitfähigkeit f*; (fr) *supraconduction f*, *supraconductibilité f.*

WE: La lastan aserton de Eichholz mi oponas, ĉar fizika grando estas per si mem absoluta valoro, ne propreco de iu konkreta subjekto. Konduktiveco kaj rezistiveco pro la sufikso -ec estas proprecoj kaj ne konvenas kiel nomoj de grando. Koncerne la nomojn konduktivo kaj rezistivo mi notas, ke ili esprimas la fenomenon kaj samtempe estas grandoj. Tiu fakto estas tute logika kaj kaŭzas neniun komunikan ĝenon.

Mi notas ankoraŭ, ke ĝis nun esprimis sin por la esperantaj versioj varmokonduktivo kaj varmorezistivo KF-anoj: B. Ĉupin, R. Bouchet, Đ. Obradović, C. Longue Épée kaj G. Uittenbogaard.

La kvar fizikistoj, kiuj al Fabien promesis konsulton pri la afero, ankoraŭ ne esprimis rezulton de sia prijuĝo. Tamen, pro la prezentitaj tri slipoj el la vortaro de Eichholz, bonvolu informi min pri via opinio koncerne la terminojn: konduktivo, konduktiveco kaj superkonduktivo, kaj pri la difinoj de Eichholz.

La kolegon Fabien mi petas, ke li por KF 29 resumu la enketadon en la rondo de fizikistoj.

**La temo 38 – traverso, longverso**. Nenio nova – fermota venonte.

**La temo 41 –Segitaj lignopecoj, segligno**. Mi petas rekonsideri la terminon **breto** (anstataŭ PIV 2: tabulo), kiu estas de kelkaj el vi akceptita, sed iun ĝi embarasigas pro jam alia ekzistanta signifo, krome Fabien van Mook proponis novajn versiojn: **planĉo** (laŭ la franca; ĉu ne planŝo?), **dosko** aŭ **desko** (slava origino), sed ne esprimis klare, kiun el la proponoj li preferas. Mi petas vin **ĉiujn** nove respondi al mi pri sia prefero koncerne la koncernan lignosegaĵon: tabula segligno, sege randumita aŭ ne, kies larĝo estas pli granda ol la duoblo de ties dikeco; la diko varias en la limoj 13 ĝis 35 mm… vidu KF 23, p. 145, plu KF 24, p. 153, plu KF 25, p. 167-168. Konsciu, ke ni jam interkonsentis pri la termino „(ne)randumita“ anstataŭ „(ne)eĝita“ segligno. Tiu ĉi interkonsento validas ankaŭ por EBV (Duden) 273/94 kaj 95.

**La temo 43 – EBV Duden 274 – tegmento, lignoligoj**. La terminojn en KF 27, kiuj restis nedeciditaj, ni ne plu sekvos kaj konsideras ilin aplikeblaj. Ili estas: 1 – duklina tegmento, 3 – gabla tegmenta kantilevro, 4 – gutrando, 6 – lukarno, 7 unuklina tegmento, 8 – tegmenta fenestro, 9 – fajroŝirma supermuro, 10 – gropa tegmento, 12 – tegment-eĝo, 13 – groptegmenta lukarno,14 – firstoturo, 15 – tegmenta valo, 16 – duongropa tegmento, 17 – duongropo (triangula aŭ trapeza), 20 – ŝeda tegmento, 23 – bovokula tegmento, 26 ventomontrilo, 29 – binda trabo, 31, klinpeco, 33 – trabokapo, 34 – vertobalka tegmento, 35 – vertobalko, 37 – duobla vertobalka starbenko, 40 – fosto, 41 (fosta-patna) bendo, 42 – simpla patna starbenko, 46 duobla patna starbenko, 48 – firsta lato, 49+50 – ĉevronstego, 52 – duobla patna klinbenko, 53 – binda trabo, 54 – solivo, 55 – ĉevrono de plena truso, 56 – ĉevrono de malplena truso (interĉevrono), 57 – (fosta-patna) bendo, 58 – ŝtrebo, 59 – duobla ĉevronstego, 60 – groptegmento kun (simpla) patnobenko, 61 – gropa stucita ĉevrono, 64 vala ĉevrono, 65+66+68+70 – vidu la novan temon 45

pri „pendoboko“, 67 – subapoga trabo, 71 – vicbalko, 72+78 – plenvanda, trusa bindoro, vidu la temon 49! 77 – ekstera porta muro, 83 – surmet(ej)o (subapoga muro), (…) – lignoligoj, 84 – simpla tenonumo, 85 – forka tenonumo, 86 – rekta platumo, 87 – rekta hok-platumo, 88 oblikva hok-platumo, 87 – hirundvosta transplatumo, 92 – ligna najlo, 93 – ligna kejlo, 94 – forĝita najlo, 98 – bolto, 99 – noda lameno.

En la nomaro de **EBV Duden 274** estas traktenda la n-ro **21** – *Oberlicht*, *Oberlichtband*, kiun mi enmetos kiel novan temon n-ro 47. **47** – *Kniestock*, J.H. komunikis: *Kniestock*: por mi „subtegmenta muro/masonaĵo” estas tro nedifinita, ja ankaŭ dommuroj estas subtegmentaj. Mi insistas pri soklo pro ĝia funkcio, ĝi tenas ion plialtigita, ne gravas, ĉu surtere (kolonoj, statuoj staras ne nepre sur tero). F.v.M. informis, ke *Drempel* en la nederlamda lingvo signifdas „sojlo“. **WE**: La rezono de J.H. pravas, ke „subtegmenta muro/masonaĵo“ estas nedifinita, ke la nomo devas identigi la superstarantan aleksteran borderon de subtegmenta spaco. El la kromaj proponoj: parapeto, soklo, sojlo mi do rekomendas akcepti (tamen) <u>subtegmenta soklo</u>. Pri la nomoj **65+66+68+70** ni decidos kadre de la temo 45. **75** – *Brettersteg* estas sendube „almo“, sed tabuloj de la almo (signifo laŭ PIV 2) estu anstataŭigitaj per la elektota nomo el inter: breto, planĉo, dosko, desko – vidu la temon 41 supre. **90+ 91** – *Versatz* (simpla aŭ duobla; n-ro 90 kun tenono) – F.v.M. ne kontraŭstaras „mergumon“. La ceteraj KF-anoj la vastigon de la signifo ne komentis.

**Aparte ni sekvu la problemon de „junto“** en la nomoj 84 ĝis 91. Pri la problemo de dusignifeco de junto (interspaco, kunligo) mesaĝis al mi **J.H.**: la uzanco de „junto” ne limiĝas al interspac(aĵ)o. La origina senco de la deveniga vorto „*jungere*” klare montras, ke temas unuavice pri kunigo, ne nur simpla intermeta spac(aĵ)o. Wüster uzas la esprimojn „lutita, boltita, flanĝa, mufa junto”, „tubjunto”, kiuj neerarigeble montras la kunigitecon. Ankaŭ Haferkorn parolas apud *Fuge* pri „duonuma junto” (*Anblattung*), „tenonjunti”, „angultenona junto”, „hirundvosta junto” ktp. Vi mem uzas „lutjunto” en iu KoFo via kaj „vertikalaj lad-juntoj” de pluvtuboj en la ladista manlibro. Malgraŭ tio mi inklinas al lignoligo kaj la sistemeca „tenonumo”. – **WE**: Mi kune kun la ceteraj aŭtoroj de la „Terminaro de betono“ (2002) interkonsentis, ke la dusignifeco de „junto“ estas kofuziga. Ni tie difinis: **210 – jungo** [la latina *iungere* (3-a deklinacia klaso) = jungi; kunligi, transponti) – interliga aranĝo, kiu garantias fiksan aŭ artikan kunligon de du aŭ pli da elementoj, resp. fiksan aŭ artikan alligon de nova elemento al konstrukto. **211 – junto** = la kuniga interspaco inter du elementoj aŭ inter du tavoloj de la sama materialo, se pro iu ekstera kaŭzo la apartigo estas konstatebla; inter du elementoj junto povas esti plenigita per gluo, mastiko, mortero k.s. – Estas necese konscii, ke junto estas ĉiam nur „loko“, kiu estas diverskaraktera, foje ĝi estas malplena, foje per io plenigita, alifoje ĝi prezentas steban kunfiksaĵon, ekz. veldan stebon. Veldita junto restas junto kiel vide perceptebla „veldoloko“. Simile lutita junto – lutloko. „Juntoj“ konsiderataj laŭ meĥanika kriterio estas kunfiksoj, kunligoj, jungoj. En la ladista broŝuro mi vere uzis la esprimon „lad-juntoj“, verŝajne pro vide perceptebla laŭlonga linio sur pluvtubo (junto kiel loko de kunligo), sed aliloke mi parolas pri „kunligado de ladoj“. Viaj aludoj al Wüster ne subtenas vian koncepton, ĉar „lutita junto“ k.s. estas tute regula esprimo: junto, kiu estis lutita. La ekzemploj laŭ Haferkorn (tenonjunti k.s.) estas ambiguaj, ĉar konservas la dusencan karakteron. Same la nomoj en EBV Duden 274/84-91, tie ne eblas paroli pri juntoj, temas ja pri lignoligoj, pere de la koncernaj terminoj oni esprimas **specon de kunligo** de lignopecoj, nepre ne pri juntoj inter la lignopecoj!

**<u>La temo 44 – *Mönch-Nonne Dach*</u>**. En la supre prezentita nomaro de EBV Duden 275 aperas la nomoj (56-58), por kiuj mi proponis: imbrica kovraĵo, imbrico, kaliptero. Mi informas, ke akceptis ilin F.v.M. Ĉu ankaŭ vi, la ceteraj? Mi deziras legi vian tiuteman respondon. La verbon „imbriki“ ni neglektu.

**<u>Nova temo 45 – balkosubtenaj konstruktoj</u>**. Ekzistas tri specialaj tipoj de konstruktoj (sistemoj), kiuj helpas portpovon de simplaj balkoj, kiuj ebligas superi spanon pli ol normale longan. En Esperanto por ili mankas terminoj, ni interkonsentu pri ili. Se miaj proponoj ne plaĉas al vi, proponu novajn terminojn.

**pendoboko** (laŭ la germana *Hängebock*) – statike nedeterminita konstrukto tegmenta aŭ ponta, kiu konsistas el **ĉefa trabo** (en tegmenta ĉevro mi nomas ĝin **binda trabo**), **pendofosto** kaj **ŝtreboj**, ĉe plurobla pendoboko ankoraŭ el **disapogilo**. Pendoboko aperas kiel triangula, trapeza aŭ plurobla laŭ la nombro de pendofostoj. La ĉefa trabo kaptas la horizontalan forton estigitan flanke de oblikvaj ŝtrebopremoj. Samtempe la ĉefa trabo estas suprenlevata per pendofosto, tiel malgrandiĝas la fleksomomantoj streĉantaj la trabon – pro tiu fakto la trabo povas superi grandan spanon. Sur la subteniloj la trabo efikas nur per vertikalaj premoj. Ĉe la duobla kaj plurobla pendobokoj estas en la supra nivelo de pendofostoj horizontala trabo, t.n. disapogilo. – Pendobokon estas eble kombini kun la sistemo de ŝtrebobalko. **Ekvivalentoj**: (en) *hanging truss*, *French truss*; (de) *Hängewerk n*, *Hängebock m*; (fr) *ferme à poinçon*; (pl) *dźwigar wieszarowy*; (cs) *věšadlo*.

**pendoboko**



**ŝtrebobalko** – statike nedeterminita konstrukto, kiu konsistas el **ĉefa trabo** per ambaŭ ekstremoj simple subtenata per subapogiloj kaj krom tio en unu aŭ en pliaj lokoj subtenata per ŝtreboj apogitaj sur abutmento. La vertikala ŝarĝo de la trabo vertikale efikas sur la ekstremajn subapogilojn (abutmentojn) kaj per oblikvaj premoj en la suba ekstremo de la **ŝtreboj**. Laŭ la nombro de interaj apoglokoj oni distingas ŝtrebobalkon unuoblan (triangulan), duoblan (trapezan) kaj trioblan, kiu estas kombinaĵo de la ŝtrebobalko trapeza kaj triangula. Ĉe la kombino de du ŝtrebobalkoj trapezaj oni akiras ŝtrebobalkon kvaroblan. Ĉe la trapezaj ŝtrebobalkoj estas la ŝtreboj interligitaj per premata **disapogilo**. La ĉefa trabo estas kontinua balko du- aŭ plur<u>kampa</u>. Ŝtrebobalkaj konstruktoj estas aplikataj en la ponta kaj iam ankaŭ en la surtera konstruado, nuntempe plejofte ĉe provizoriaj konstruoj. **Ekvivalentoj**: (en) *strutting*, *strut frame*; (de) *Sprengwerk n*; (fr) *ferme à contre-fiches; (pl) rozpórka; (cs) vzpěradlo.*




**kablobalko** – sistemo de simpla balko konsistanta el **trabo** kaj **kablo** donanta al la trabo meza(j)n subtenno(j)n, kvankam iom cedeman. La lev-subteno okazas per disapogo de la kablo kaj la trabo, la kablo estas fiksita en abutmentoj kaj tire streĉita. La statika konduto estas simila kiel ĉe la pendoboko, sed laŭ inversa senco. Per alĝustigeblaj ŝraŭboj sur la horizontala aŭ oblikva sekcio de la kablo eblas la mezajn **disapogajn subtenilojn** aktivigi. La sistemon oni povas apliki ankaŭ ĉe rekonstruoj por altigi la portivon de traboj. **Ekvivalentoj**: (en) *exposed stressing cable*, *camber rod*, *reversed beam*; (de) *unterspannter Balken m*; (pl) *belka podpięta*; (cs) *vzpínadlo*.




<u>**Nova temo 46 – specoj de balko kaj distanco inter la subteniloj – kampo**</u>. Statika nocio «balko», per siaj ekstremoj kuŝanta sur unu subtenilo artike kaj sur la dua ŝoveble, estas nomata **simpla balko**. – Balko kuŝanta sur tri aŭ pliaj subteniloj, el kiuj unu estas konsiderata kiel nemovebla artiko kaj la ceteraj ebligas laŭaksan ŝoviĝon, estas nomata **kontinua balko**. – La distanco inter du subteniloj de balko estas nomata **kampo**. La kampo estas karakterizebla per la longo nomata spano. **Ekvivalentoj**: (en) *simple beam*, *continuous beam; field*; (de) *einfacher Balken*, *durchlaufender Balken; Feld n*; (fr) *poutre simple*, *poutre continue; travée*, (*champ*); (cs) *prostý nosník*, *spojitý nosník; pole*.

<u>**Nova temo 47 – (de) *Oberelicht*, (en) *rooflight***</u>. EBV Duden 274/21. J.H. la problemon prinotis: *Oberlicht* – lanterno havas similan funkcion: lumigas desupre la internon de konstruitaj spacoj. – WE: Lanterno en PIV havas 3 signifojn, sed neniu el ili respondas al *Oberlicht*. Atribui al ĝi kvaran signifon pro praktika kialo ne konvenas, ĉar lanterno jam havas alian arĥitekturan signifon. F.v.M. la aferon ne komentis. Laŭ la germana *Oberlicht* kaj la angla *rooflight* ni povus interkonsenti ĉu pri „<u>suprolumo</u>“ (ne „supra lumo“, tiu epiteta formo ne estus gramatike kaj terminologie ĝusta), „lumsupro“ aŭ „lumtegmento“.

<u>**Nova temo 48 – bindoro (bind|or/o)**</u>. EBV Duden 274/72+78. Transversa balka konstrukto subtenanta tegmentan mantelon de (precipe) industriaj haloj kun ŝtala strukturo, sed krom ŝtala bindoro aperas ankaŭ bindoroj lignaj kaj prefabrikitaj ŝtalbetonaj. Ilia trusa varianto konsistas el supra kaj suba membroj, vertikaloj kaj diagonaloj, plenalma varianto anstataŭ la trusaj elementoj havas la intermembran almon – vandon – plenan. **Ekvivalentoj**: (en) *truss*, *girder*; (de) *Binder*; (fr) *ferme principale*, *tirant*, *entrait*; (ru) *несущая конструк-ция кровли*, ankaŭ *ферма*; (cs) *vazník*. – Bonvolu sciigi al mi vian starpunkton.

<u>**Nova temo 49 – termino por *castellated beam***</u>. Temas pri ŝtala balko, fabrikita el laminita trabo de la profilo I. La almo de la I-profilo estas segata, ekz. aŭtogene, laŭ regula trapeza zigzaga linio. La segitajn duonojn oni reciproke ŝovas tiel, ke la seg-suproj de ambaŭ partoj simetrie renkontiĝas kaj velde kuniĝas al unu nova profila tuto, kiu estas pli alta ol la origina. Ĉe la sama materia maso la altigita profilo prezentas balkon multe pli portivan.

Angloj la altprofilan version nomas <u>*castellated beam*</u>, en Esperanto ĝi signifas **krenela balko**. La ekvivalentojn (de) kaj (fr) mi ne trovis, sed laŭaspekte la seg-linio memorigas krenelon, la proponita nomo do ŝajnas esti akceptebla. Nomo en la ĉeĥa: *prolamovaný nosník.*




<u>**Nova temo 50 – Bildvortaro Duden 275 tegmento kaj tegmentisto**</u> (laŭ la iniciato de J. Horváth)




| | Originalo DUDEN | Rüdiger Eichholz | József Horváth | Jan Werner | ĉeĥa ekvivalento |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 | s Ziegeldach | tegol-tegmento | tegola tegmento | tegola tegmento | tašková střecha |
| 2 | e Biberschwanz-Doppeldeckung | eben-tegola duobla tegaĵo | ebentegola duobla tegaĵo | duobla ebentegola kovraĵo | dvojitá krytina bobrovka |
| 3 | r Firstziegel | firsta eĝ-tegolo | firsta eĝtegolo | firsta tegolo | hřebenáč |
| 4 | r Firstschlussziegel | firsta tegolo | firstobordera tegolo | firstobordera tegolo | ukončovací hřebenová taška |
| 5 | e Traufplatte | tegment-randa | tegmentranda | gutranda tegolo | okapní taška |

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| | | tegolo | tegolo | | |
| 6 | r Biberschwanz | eben-tegolo | ebena tegolo | ebentegolo | taška bobrovka |
| 7 | r Lüftungsziegel | aeruma tegolo | aeruma tegolo | aeruma tegolo | větrací taška |
| 8 | r Gratziegel | gropa eĝ-tegolo | gropa eĝtegolo | gropeĝa tegolo | nárožní hřebenáč |
| 9 | e Walmkappe | grop-firsta eĝ-tegolo | gropfirsta eĝtegolo | gropfirsta tegolo | taška ukončující valbu u hřebene |
| 10 | e Walmfläche | gropo | gropo | gropo | valba |
| 11 | e Kehle | tegment-valo | (tegment)valo | valo | úžlabí |
| 12 | s Dachliegefenster | ‹tegmenta› luko | tegmentebena luko | tegmenta fenestro | střešní okno |
| 13 | r Schornstein | kamen-tubo | kamentubo | kamentubo | komín |
| 14 | e Schornsteineinfassung aus Zinkblech | kamen-tuba kolumo [el zink-lado] | zinklada kolumo de kamentubo | bordero de kamentubo el zinka lado | lemování komínu ze zinkového plechu |
| 15 | r Leiterhaken | surtegmenta hoko | hoko por eskalo | hoko por eskalo | hák pro žebřík |
| 16 | e Schneefangstütze | hoko por neĝoŝirmilo | hoko por neĝŝirmilo | hoko por neĝoretenilo | hák pro sněhový zachytávač |
| 17 | e Lattung | tegol-lat‹ar›o | tegollataro | lataro | laťoví |
| 18 | e Lattenlehre | lat-distancigilo | latdistancigilo | latdistancilo | laťoměr |
| 19 | r Sparren | ĉevrono | ĉevrono | ĉevrono | krokev |
| 20 | r Ziegelhammer | tegol-martelo | tegolmartelo | tegmentista martelo | pokrývačské kladivo |
| 21 | s Lattbeil | lat-hakilo | lathakilo | lathakilo | sekera laťovačka |
| 22 | s Deckfass | tegmentista kuvo | tegmentista kuvo | tegmentista kuvo | vědro na maltu |
| 23 | r Fasshaken | kuvo-hoko | kuvohoko | kuvohoko | hák pro vědro |
| 24 | r Ausstieg | labor-aperturo | laboraperturo | laborista aperturo | otvor pro výstup |
| 25 | e Giebelscheibe | gablo {pinjono} | gablo, pinjono | gablo | štít |
| 26 | e Zahnleiste | dent-hava listelo | denta listelo | denta listelo | lišta s ozubením |
| 27 | s Windbrett | gablo-randa ŝirm-tabulo | gabloranda ŝirmotabulo | kontraŭventa tabulo | podbití proti větru |
| 28 | e Dachrinne | tegment-randa pluvo-defluilo | tegmenta defluilo aŭ pluvkanaleto | tegmenta defluilo | střešní žlab |
| 29 | s Regenfallrohr | pluv-tubo | pluvotubo | pluv(o)tubo | odpadní trouba |
| 30 | r Einlaufstutzen | enflua surtubo | gorĝotubo | defluila gorĝo | vtokové hrdlo |
| 31 | e Rohrschelle | tub-krampo | tubokrampo | tubfiksilo, tubingo | zděř |
| 32 | r Rinnenhalter | defluila hoko | defluila hoko | defluila hoko | žlabový hák |
| 33 | e Dachziegelschere | tegol-tranĉilo | tegoltranĉilo | tegoltranĉilo | nůžky na tašky |
| 34 | s Arbeitsgerüst | skafaldo | skafaldo | skafaldo | lešení |
| 35 | e Schutzwand | tabul-tegaĵo | ŝirmovando | ŝirma vando | ochranná stěna |
| 36 | s Dachgesims | tegmenta kornico | tegmenta kornico | tegmenta kornico | hlavní římsa |
| 37 | e Außenwand | ekstera muro | ekstera muro | ekstera muro | obvodová zeď |
| 38 | r Außenputz | ekstera stuko | ekstera puco aŭ stukaĵo | ekstera puco | vnější omítka |
| 39 | e Vormauerung | antaŭsoliva masonaĵo | antaŭmasonaĵo | antaŭmasonaĵo | přizdívka |
| 40 | e Fußpfette | tegment-randa patno | baza patno | baza patno | pozednice |
| 41 | r Sparrenkopf | ĉevron-piedo (ĉevrona elstaraĵo) | ĉevronpiedo | ĉevronpiedo | zhlaví krokve |
| 42 | e Gesimsschalung | kornic-tabularo | kornictabularo | subgutranda bretaĵo (aŭ alia –aĵo) (?) | podbití okapu |
| 43 | e Doppellatte | duobla lato | duobla lato | duobla lato | dvojitá lať |
| 44 | e Dämmplatten | izolantaj platoj | izolplatoj | izolplatoj | izolační desky |
| **45-60** | **e Dachziegel und e Dachdeckungen** | **tegoloj kaj teg-manieroj** | **tegoloj kaj tegmanieroj** | **tegoloj kaj tegmentaj kovraĵoj** | **střešní tašky a střešní krytiny** |
| 45 | s Spließdach | simpla eben-tegola tegaĵo | simpla ebentegola tegaĵo | ebentegola splitkovraĵo | krytina na louče |
| 46 | r Biberschwanzziegel | eben-tegolo | ebena tegolo | ebentegolo | taška bobrovka |

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 47 | e Firstschar | firsta tegol-vico | firstbordera tegolvico | firsta tegolvico | hřebenová řada |
| 48 | r Spließ, e Spleiße | teg-lato | teg-lato | splito | louč |
| 49 | s Traufgebinde | tegment-randa tegol-vico | tegmentranda tegolvico | gutranda vico | řada tašek u okapu |
| 50 | s Kronendach (s Ritterdach) | duobla eben-tegola tegaĵo per hoket-havaj eben-tegoloj | duobla ebentegola tegaĵo | krona ebentegola kovraĵo | korunová krytina |
| 51 | e Nase | hoketo | tegolhoko | hoko | nos |
| 52 | r Firstziegel | firsta eĝ-tegolo | | firsta tegolo | hřebenáč |
| 53 | s Hohlpfannendach | S-tegola tegaĵo [prononcu: so-tegola] | S-tegola tegaĵo | S-tegola kovraĵo | krytina z vlnovek |
| 54 | e Hohlpfanne (e S-Pfanne) | S-tegolo [so-forma tegolo] | S-tegolo | S-tegolo | taška vlnovka |
| 55 | r Verstrich | morter-ŝtopaĵo | morterŝtopaĵo | mortera ŝtopaĵo | maltová výplň |
| **56-58** | **s Mönch-Nonne-Dach** | **konveks-konkav-tegola tegaĵo** | **konveks-konkava tegaĵo** | **imbrica tegmento** | **prejzová střecha** |
| 57 | e Nonne | konkava tegolo | konkava tegolo | kaliptero** | hák (korýtko) |
| 58 | r Mönch | konveksa tegolo | konveksa tegolo | imbrico** | prejz (kůrka) |
| 59 | e Falzpfanne | foldo-tegolo | foldotegolo | foldotegolo | drážková taška |
| 60 | e Flachdachpfanne | du-folda tegolo | dufolda tegolo | dufolda tegolo | taška s dvojitou drážkou |
| **61-89** | **s Schieferdach** | **ardeza tegmento** | **ardeza tegmento** | **ardeza tegmento** | **břidlicová střecha** |
| 61 | e Schalung | tegment-tabularo | tegmenta tabulaĵo | bretaĵo (?) | bednění |
| 62 | eDachpappe | asfalta kartono | izola kartono | bituma kartono | střešní lepenka |
| 63 | e Dachleiter | surtegmenta eskalo | tegmenta eskalo | tegmenta eskalo | střešní žebřík |
| 64 | r Länghaken | eskal-kuniga hoko | eskalkuniga hoko | eskalkuniga hoko | prodlužovací hák |
| 65 | r Firsthaken | first-hoko | firstohoko | firstohoko | hřebenový hák |
| 66 | r Dachbock (r Dachstuhl) | tegmento-tresto | piedo de tegmentista benko | tegmentista benko | lávka pokrývače |
| 67 | r Bockstrang | tresto-ŝnuro | benkoŝnuro | ŝnuro de benko | provaz lávky |
| 68 | e Schlinge (r Knoten) | nodo | nodo | maŝo | smyčka |
| 69 | r Leiterhaken | eskal-hoko | eskalhoko | eskalhoko | hák žebříku |
| 70 | e Gerüstdiele | tresto-dilo | sidtabulo | benkodilo | fošna lávky |
| 71 | r Schieferdecker | ardez-tegisto (ardez-tegmentisto) | ardez-tegmentisto | ardeza tegmentisto | pokrývač břidlicí |
| 72 | e Nageltasche | najlo-poŝo | najlopoŝo | najlopoŝo | kapsa na hřebíky |
| 73 | r Schieferhammer | ardez-martelo | ardezmartelo | ardezmartelo | kladivo pro břidlici |
| 74 | r Dachdeckerstift, r verzinkter Drahtnagel | galvanizita drat-najlo | ardeznajlo, galvanizita dratnajlo | tegmentista zinkita najlo | pokryvačský pozinkovaný hřebík |
| 75 | r Dachschuh, r Bast\|schuh, Hanf~ | basta aŭ kanaba tegment-ŝuo | tegmentoŝuo kun basta aŭ kanaba plandumo | basta aŭ kanaba tegmentista ŝuo | lýková nebo konopná obuv |
| **76-82** | | **tegado per ardezo laŭ malnova Germana maniero** | | **kovrado per ardezo laŭ malnova germana maniero** | **pokrývání břidlicí podle starého německého způsobu** |
| 76 | s Fußgebinde | tegment-randa ardez-vico | tegmentranda ardez-vico | gutranda ardez-vico | krytina u okapu |
| 77 | r Eckfußstein | rand-angula ardezo | randangula ardezo | gutangula ardezplato | dolní rohová šablona |
| 78 | s Deckgebinde | ‹kovranta› ardez-vico | kovranta ardezvico | kovrovico | řada (sled) krytiny |
| 79 | s Firstgebinde | firsta ardez-vico | firsta ardezvico | firsta vico | hřebenová řada |
| 80 | e Ortsteine | gablaj ardezoj | randardezoj | gablorandaj platoj | krajní šablony |
| 81 | e Fußlinie | ardez-randa linio | laborlinio | platranda linio | patní linie krytiny |
| 82 | e Kehle | tegment-valeto | tegmentvalo | valo | úžlabí |
| 83 | e Kastenrinne | ‹trog-forma› defluilo | troga defluilo | ortangula defluilo | žlab čtyřhranného tvaru |
| 84 | e Schieferschere | ardezo-ĉizojo | ardezĉizojo | ĉizojo por ardezo | řezačka břidlice |

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 85 | r Schieferstein | ardezo‹-tegolo› | (tegment)ardezo | ardeza plato | břidlicová šablona |
| 86 | r Rücken | dorso [videbla parto] | ardezdorso | dorso | hřbet |
| 87 | r Kopf | kapo [kovrita supro] | ardezkapo | kapo | hlava |
| 88 | e Brust | brusto [kovrita flanko] | ardezbrusto | brusto | čelo |
| 89 | s Reiß | kovro-linio | kovrolinio | kovrostreko | ryska |
| **90-102** | **e Pappdeckung und e Wellplatten-deckung** | **asfalt-kartona kaj ondum-asbesta tegmentado** | **asfaltkartona kaj ondumplata tegaĵoj** | **asfaltbenda kaj ondumtabula kovraĵoj** | **lepenková krytina a krytina z vlni-tých desek** |
| 90 | s Pappdach | asfalt-kartona tegmento | asfaltkartona tegmento | asfaltbenda tegmento | střecha z živičných pásů |
| 91 | e Bahn (parallel zur Traufe) | karton-sternaĵo [paralele al la tegment-rando] | randparalela sternado | zono (paralela al gutrando) | pás (souběžný s okapem) |
| 91a | | e Bahn (senkrecht zur Traufe) | | zono (orta al gut-rando) | pás (kolmý k okapu) |
| 92 | e Traufe | tegment-rando | defluilo | gutrando | okap |
| 93 | r First | firsto | firsto | firsto | hřeben |
| 94 | r Stoß | junto‹-linio› | junto | junto | styk, spára |
| 95 | r Pappnagel | plat-kapa najlo | kartonnajlo, platkapa najlo | kartonnajlo | hřebík do lepenky |
| 96 | s Welltafeldach | ondum-asbesta tegmento | ondumplata tegmento | ondumtabula tegmento | krytina z vlnitých desek |
| 97 | e Welltafel | ondum-plato | ondumplato | ondumita tabulo | vlnitá deska |
| 98 | e Firsthaube | firsta kovraĵo | firstoplato | first-elemento | hřebenová tvarovka |
| 99 | e Überdeckung | junt-kovraĵo | interkovra junto | superkovro | přesah |
| 100 | e Holzschraube | ŝraŭbo por ligno | lignoŝraŭbo | lignoŝraŭbo | vrut |
| 101 | r Regenzinkhut | pluv-ŝirma zink-ĉapo | pluvŝirma zinka ĉapo | pluvŝirma zinka ĉap(et)o | ochranný zinkový klobouček |
| 102 | e Bleischeibe | plumba subdisketo | plumba subdisketo | plumba subdisketo | olověná podložka |

## Komento de kelkaj terminoj

**6 – ebentegolo**. Estas necese distingi la kunmetaĵon **ebentegolo** kaj la duvortan version **ebena tegolo**. La dua versio kun la epiteto „ebena“ priskribas la tegolon, sed ne nepre estas termino por specifa tegolo. La germana *Biberschwanz* same kiel la ĉeĥa *bobrovka* estas tute specifaj tegoloj, kies apliko sur tegmentoj okazas laŭ tri manieroj. La historia (vidu n-ron 45) *Spließdach* nuntempe jam ne estas uzata. Sub la n-ro 50 estas *Kronendach* (sur maldensa lataro) – ni konservu la modifan elementon «kron» aŭ la epiteton «krona». La tria estas kuŝigata sur densan lataron kaj estas nomata (de) *Schuppendach* [skvama ebentegola kovraĵo]. Notendas ankoraŭ, ke en kunmetaĵoj laŭ PAG § 289-291 la substantiva ĉefelemento (tegolo) substantivigas la flanklementon (ebena → ebeno). Ebentegolo do ne estas „ebena tegolo“, sed nomindiko de speciala nocio, kiu estas karakterizata per certa „ebeneco“. Tiun gramatikan principon bone montras ekzemplo de PAG: *belreĝino ne estas bela reĝino, sed reĝino de belo.* Alia ekzemplo: *„altforno“ ne estas alta forno, sed forno por fandi ferercon kaj tiel produkti krudan feron.*

**9 – gropfirsta tegolo**. Firsto prezentas eĝon, estas do pleonasme ripeti eĝon: eĝtegolo → tegolo.

**12** – **tegmenta fenestro** (montrita en la bildo) ne estas luko. Luko en PIV: nura aperturo de negrava celo.

**16** – **neĝoretenilo** retenas neĝon sur la tegmento, sed ne ŝirmas (tegmenton) kontraŭ neĝo.

**18** – **latdistancilo**. La ĉefelemento de la kunmetaĵo estas „ilo“ – ilo karakterizata per distanco de latoj, la faktitiva sufikso „ig“ (latdistancigilo) ĉi tie ne estas necesa.

**25 – gablo**. En vortaroj aperas ankaŭ la francdevena nomo „pinjono“, sed ni evitadu sinonimojn, kiuj malstabiligas la lingvon. Gablo estas pli longe kaj pli ofte uzata, ni lasu kiel terminon nur tiun ĉi.

**42+61** – **tabularo** (tabulaĵo), bretaĵo, planĉaĵo, doskaĵo – la decido prokrastebla ĝis la solvo de la temo 41.

**48** – **splito**. Temas pri maldikaj splitoj, kiuj certe ne estas latoj; (profil-areo de lato: 10-25 $cm^2$).

**45+50+53 – tegaĵo**. Oblikvajn tegmentojn oni ne tegas, sed kovras. Konsciu la sencon de „tegi“: (PIV, 1970) *Daŭre kovri ion per io tiamaniere, ke la kovraĵo formas tuton kun la kovritaĵo kaj estas parto de ĝi*. Tegitaj estas plataj tegmentoj, ekz. per asfaltobendoj.

**90+91 – asfaltobendo**, ne asfaltkartono. La kerno de asfaltobendo estas nur iam kartono, pli ofte ĝi estas teksita aŭ neteksita produkto el vitraj aŭ sintezaj fibroj, ankaŭ plastaj aŭ aluminiaj folioj. Simpla kartono impregnita (premsaturita) per bitumo (ne per asfalto) estas uzata nur ĉe provizoraj konstruoj.

**94 – junto.** Ĉi tie estas ĝuste uzita la nomo „junto“, eĉ se ne temas pri interspaco, sed pri strikta kontaktiĝo de du samaj materialoj (asfalto). Junto iam estas ankaŭ nura „kontakto“, ofte nedisigebla. Ekz. ĉe

kontaktiĝo de malnova betono kaj post paŭzo al ĝi prilaborita nova betono, ankaŭ en tiu kazo la kontakta areo estas junto – laborjunto. (Per tio mi kompletigas la temon pri junto – jungo – ligo – fikso…)

**La nova temo 51 – Ŝtonceramiko**. Jam en KF 20, p. 118, mi informis, ke en Esperanto ne ekzistas ĝusta nomo por ceramika materialo nomata (en) *stoneware*, (de) *Steinzeug*, (cs) *kamenina*. En la origina PIV (G. Waringhien, 1970) esperanta ekvivalento mankas, en NPIV la reviziintoj enkondukis tute nekonvenan, neinternacian kaj konfuzigan nomon „grejso“ (sabloŝtono; laŭ NPIV „tre dura ceramikaĵo“), evidente laŭ la franca nomo *grès*. Ĉar en la plejparto de naciaj lingvoj aperas la nomo «ŝton» (*stone*, *Stein*, *kámen, каменно*-), mi rekomendas akcepti la nomon **ŝtonceramiko**. Bonvolu prijuĝi la aferon.

## Postskribo al la 28-a numero

Mia menso, kvankam nature skeptika, klopodas ĉiam vidi la kurantajn aferojn realisme. Tamen kaŝ-angule la menso konfesas al mia konscio, ke mi dediĉas al la ideo de la lingvo internacia pli ol ties adeptoj meritas. Jes, la ideo mem meritas ĉiun honestan oferon, ĉar la racio kaj spertoj klare prognozas la solvon de internacia komunikado helpe de artefarita planlingvo. Sed pro mia homa aĝo mia kontribuado ne estos eterna. El la vasta gamo de miaj farendaĵoj necesas elekti ion reale plenumeblan. Atingi plenan konstrufakan kaj arĥitekturan terminaron estas afero neplenumebla pro la jardekojn malzorgata agadkampo, sen iu ŝanco la staton flanke de unuopulo aŭ de eta skipo principe ŝanĝi. Por almenaŭ plu teni nian Konstru-Forumon estas bezone, ke vi klarvide pripensu miajn vortojn prezentitajn komence de tiu ĉi KF-numeo 28.

Ĉar sur la aktuala paĝo 208 estas iom da loko, mi do por vi rekapitulacos la taskojn metitajn en tiu ĉi dokumento. Konsciu, ke trovi fakulon, kiu estus kompleza apliki sian profesion favore por la disvolvo de Esperanto, estas tasko preskaŭ nekonkerebla. Vi, libervolaj fakaj kunlaborantoj, estas iom esceptaj homoj, ne cedu do kaj partoprenu konscience en la solvado de la prezentitaj terminologiaj problemoj:

1. La estonto de KF post mia retiriĝo. Kion vi proponas?
2. Revizio de *Terminaro de betono kaj de betonistaj laboroj* ĝis la fino de septembro 2011.
3. La temo 31 – prijuĝi la sliparajn proponojn de Eichholz pri kapablo de materialoj kondukti energiojn.
4. La temo 41 – nove prijuĝi la proponojn pri anstataŭigo de la nomo „tabulo“ por segligno.
5. La temo 44 – kiu ankoraŭ ne esprimis la opinion pri „imbrica kovraĵo“, bonvolu fari tion.
6. Esprimu vian starpunkton koncerne la novajn terminologiajn temojn: 45, 46, 47, 48, 49, 50, 51 antaŭ la fino de junio 2011.

Krom tiu ĉi programita agado estas eble private montri sian fakan agemon, ekzemple per informado pri nia agado, publikigadi prifakajn tekstojn en esperantaj periodaĵoj, en komprenebla populara maniero. Tiel faris Fabien van Mook, lia artikolo ***La Jarkolektoj de TAKE*** aperis en la franca *Le monde de l'Espéranto*, decembro 2010. – Mi notas, ke ankoraŭ estas tempo kontribui per artikolo por la *Jarkolekto de TAKE 2011* (kontaktu Fabien: fabien@iae.nl.

Tre utila estas verkado de novaj **sistemaj** terminaroj. Ĉu vi jam provis elekti iun subfakon kaj komencis la terminologian procedon? Mi estas preta helpadi al vi.

Nia agado suferas pro malhavo de denaskaj parolantoj en la gravaj lingvosferoj angla, germana, hispana kaj en gravaj lingvoj ekstereŭropaj. Kiel trovi ilin? Ĉu vi scipovas kontakti iun?

La printempa vekiĝo de la naturo inspiru nin pri la vekiĝo internacilingva. Mi deziras al vi agrablan tempon kaj fekundan kampon por ĉiu via penado.

Brno la 7-an de majo 2011 *Jan Werner*